# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 11/04/2015 Ducent dekdua eldono 11/04/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas kopiojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**

# 65. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Konjunkcioj kaj Subjunkcioj. A.

Frazpartoj (Subjekto, ktp.) ofte kunhavas duan (aŭ pli) elementon. Tiaj kombinaĵoj estas AŬ egalrajtaj (ekz. "La patro(n) kaj lia(n) filo(n)") AŬ subordaj (ekz. "La patro(n) de tiu knabo").

La samrajtaj elementoj ne difinas unu la alian, kaj ilin kombinas t.n. konjunkcioj, kiuj kutime estas la vortetoj "kaj, aŭ, nek, sed, kaj tamen", sed ankaŭ uzatas pluraj aliaj kombiniloj, plejofte adverboj, kiuj funkcias tiam kiel konjunkcioj. Ne necesas scii ilin, sed nur necesas scii, ĉu ili kombinas egalrajtajn elementojn. Tio signifas scii, ĉu kombinitaj elementoj ne difinas unu la alian, en kiu negativa kazo ne temas pri konjunkcio, sed pri subjunkcio. Jen ekzemploj de konjunkcioj: "Ni invitos aŭ nur la patrinon aŭ la tutan familion"; kaj "Ili ludis sur la marbordo sed ne sur la maro"; kaj "KAJ la viroj KAJ la virinoj havas tie egalajn rajtojn".

Marcel Leereveld.

# Klubanoj en Adelajdo



renkontiĝis laste la 1-an de aprilo. La ĉefa programero de la vespero estis prelego de Helen Palmer pri unu semajno de ŝia laboro kiel mediogardisto en la APY-lando [Anangu-Pitjantjatjara-Yankunytjatjara]. La temo estis kaptado, mezurado, pesado, signado ktp. kaj remetado de la protektataj nigrapiedaj valabioj.







Kelkaj el la partoprenantoj poste trarigardis la antaŭnelonge instalitan E-ekspozicion en la supra etaĝo de la konstruaĵo. Amike, Katja Steele

# Esperanto-Domo Sidnejo



La 3an de majo 2015 okazos la venonta kunveno.
★★★★

La 5an de aprilo 2015 okazis la pasinta kunveno.
Aferkunveno 11atm. Lunĉo 1ptm. Tri Esperantaj prelegoj 2ptm :-
(1) Gerry Phelan, (2) Ian Wylles, (3) Andrew Spannenberg prelegis.
Venis 13. Roger kaj Mei Springer, Yang Fan, Gerry Phelan, Andrew Spannenberg, Robert Bain, Jonathan Cooper, Nicole Else, Chris Janssen, Volo Gueltling, Dmitry Lushnikov, Jano Wylles, Ago Feitosa.
★★★★

Merkredon la 8an de Aprilo venis Roger Springer kaj Ian Wylles
Ili laboris por plibonigi la Wi-Fi kunigojn ĉe ED.
Margaret Chaldecott estis en la malsanulejo kaj hejmvenis hieraŭ.
★★★★



Merkredon vesperon okazis Esperanta leciono ĉe Esperanto-Domo.

Tri lernantoj kaj 4 Esperantistoj ĉeestis.

Richard Delamore instruis.

★★★★

Antaŭ unu monato mi, Roger Springer proponis ke la EFNSK donu T-ĉemizon al ĉiu ano de la Federacio. La Estraro konsentis.
Mi petis ke tiuj kiuj deziras sendu siajn proponojn al la Asocio.

Propono de Roger




Propono de Nicole




Nur du desegnaĵoj estis ricevitaj. Tiu de Nicole estas nur malneto. La desegno kaj la vorto Esperanto devos ankoraŭ esti plibonigitaj. Ĉu iuj el niaj pliaj 47 anoj havas aliajn ideojn? Se jes, sendu plej malfrue je la dua de majo por ke ni povu vidi ilin dum la maja kunveno. Krome la Federacio decidis elspezi $100 por ke ankaŭ Joanne Johns faru proponojn kaj eble plibonigu niajn ideojn. Ŝi ricevos instrukcion fari ion per la frazo “Esperanto – everyone’s other language”. Esperaeble ni povos decidi kiun ni preferas.



Por limigi kostojn la presado estos unukolora kun la sama desegnaĵo ĉe antaŭa kaj dorsa flankoj. Roger

★★★★

Dimanĉon, Chris Janssen, studento pri ĵurnalismo en Sidnejo intervjuis plurajn esperantistojn interalie Jonathan Cooper.
Amike, Nicole

# Korektoj por ESK (Esperanto sub la Suda Kruco)

Bedaŭrinde du problemoj okazis kun bildoj en la presado de la plej freŝa numero de ESK (marto 2015), en la artikolo *Art-aprezado por ĉiuj*. Proksime al la fino de paĝo 11 estas skribite: “Vidu la pentraĵon en bildo 3.” Tamen, la pentraĵo priskribita ne estas bildo 3. Fakte, ĝi ne aperas.

Ankaŭ, nur parto de bildo 4 sur paĝo 12 aperas. Por vidi la du pentraĵojn (kaj legi la artikolon),



vizitu: www.doctordada.com/eo/art/art-appreciation-for-everyone/
Raportis Jonathan Cooper

# La Melburna Esperanto-Klubo






kunvenas ĉiujn lundojn,
6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House,
247 Flinders Lane.

Pasintan monaton la Melburna Esperanto-Asocio rajtis havi fenestrospacon ĉe Ross House por reklami Esperanton. Jen nia montraĵo, kiu eĉ allogis intereson dum ni instalis ĝin. Se vi ŝatas la afiŝon "Lernu unu lingvon kaj vojaĝi tra la mondo" kaj volus havi unu por via klubo, kontaktu min ĉe navear@gmail.com kaj mi adaptos ĝin kaj sendos al vi la pdf-dosieron. Joanne Johns





## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

La 4an de Aprilo venis Roger, Chris, John kaj Eunice. Inter alie, ni diskutis la T-ĉemizan desegnaĵon.

La venonta Kunveno okazos la 18an de Aprilo. Eunice invitis la alvenontojn iri al ŝia hejmo post la kunveno por lunĉi.

# Brisbana Esperanto-Societo

## 2015 jarkunveno



Kiel oni vidas Brisbana Esperanto-Societo kreskis kaj fortiĝis.

Nia jaro estis suksesplena kaj tre okupata kun monata Esperanto-klaso, interparolado, stimulado de amikaj rilatoj, piknikoj, ekskursoj, kafklubaj kunvenoj i.a. Tiuj movis nian societon antaŭen.

Sen unueco ne estos sukceso!

Bonvolu, karaj aŭstralianaj amikoj vidi nin ĉe 'facebook' aŭ kontakti nin tiel:

BES Sekretario, Petro Danzer PO.Box 1096, Morayfield Qld 4506

**Tre plaĉas al AE havi foton kaj leteron el Brisbano.** Dankon.

Ne forgesu AE estonte. Ni ĉiuj ŝatas legi novaĵojn pri via klubo

## Niaj legantoj komentas



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Kara Roger
Mi elkore dankas al vi pro la aktuala novaĵletero.
Mi deziras al vi kaj la Aŭstraliaj Esperantistoj benitan paskon.
Amike Hermann Kroppenberg. Bensberg



★★★★

re Aŭstraliaj Esperantistoj 211.
Rimarkinde estas ke ĝi estas preskaŭ sen artikoloj. Ĉu pro la festotagoj kaj longaj ferioj? Mi esperas ke la legantoj ne perdos intereson.
Svetislav Kanaĉki Melburno

# Ĉu vi havas la kongresajn kurierojn de la UK en Adelajdo?

Kara Roger kaj aliaj Esperanto-ŝatantoj en via kontinento,

Nia amiko Roland Rotsaert mirinde volontule prizorgas la faman bibliotekon de fondaĵo Vanbiervliet en la Belga urbo Kortrijk.
Nun li komencis kolekti skanaĵojn de la kongresaj kurieroj, kiuj troviĝas en la bretaroj de Kortrijk. Celo estas havi post kelkaj monatoj laŭeble kompletan kolekton, kiun enretigos Bitoteko. Por amikoj en aliaj kontinentoj, jen troveblas klarigoj:
http://bitoteko.esperanto.es aŭ
http://bitoteko.esperanto.es:8080/jspui/bitstream/11013/4459/1/Manero_LaBitotekoDeHEF_2013.PPT (= http://hdl.handle.net/11013/4459).
15 serioj estas jam pretaj kaj videblas je http://1drv.ms/12l2az9 - la aliaj kompletaj serioj iom post iom sekvos.

Ĉar laŭ mia scio, la Germana Esperanto-Biblioteko havas unu el la plej kompletaj kolektoj de tiaj eldonaĵoj, mi sentas la devon subteni lian kolektemon, ĉar tio, per la publikigo en Biblioteko Europeana (www.theeuropeanlibrary.org au www.europeana.eu/portal/), servos al ĉiuj scivolemuloj.

Tial mi komencis eltiri el la katalogoj de la Germana Esperanto-Biblioteko Aalen informojn pri kongresaj kurieroj. La rezulto estas mirinde ĝojiga: el la 39 kongresoj 61-a kaj 99-a inter 1976 kaj 2014 ni havas preskaŭ ĉion. Aliflanke do tre dolorigaj estas la malmultaj truoj, inter ili kelkaj unuopaj numeroj, sed plej grave estas la jena, kiu kaŭzas, ke mi skribas nun al vi pri tiu temo: de la 82-a UK en 1997, kiu okazis en via kontinento, ekzistas neniu ajn vivosigno.

Mi petas la Esperanto-amikojn ĉe vi, ke vi serĉu en viaj bretaroj kaj kestoj, ĉu ne eblas retrovi la aperintajn numerojn de la koncerna kongresa kuriero. Mi nur sukcesis ekscii pri ĝi, ke ja aperis 5 numeroj sub la nomo "La Lumilo".

Plej bonvenaj (kompreneble) estus paperaj ekzempleroj, sed mi konscias, ke tio verŝajne ne facile eblos, ĉar necesus unue kolekti ilin kaj poste (sen duoblaj, por ŝpari afrankokostojn) forsendi al ni. Pli komforte do estus fari skanaĵojn, kiuj pli facile povas esti senditaj per retleteroj.

Jen miaj pasko-deziroj, ne por mi persone, sed la estontaj uzantoj! Mi kun pacienco atendos reagojn el via fora kontinento.

Kun koraj salutoj amikecaj el Aalen, Utho Maier, direktoro de Germana Esperanto-Biblioteko

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

## 2015-04-09 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (19/03/2015) ĉeestis:
Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan kaj Sandor kaj Ilia el Indonezio iomete.

**VENONTA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO) – PASKO (MARTO) 2016**

| | A$ | Euro | Rupiah |
|---|---|---|---|
| **Eksterlandanoj - Kotizo** | 150 | 100 | IDR 1,500,000 |
| Indonezianoj | | | IDR 200,000 |
| | | | |
| **Ĉambro/tage kun tri manĝaĵoj** | | | |
| Por unu persono | 50 | 40 | IDR 500,000 |
| Por du (po persono) | 25 | 20 | IDR 250,000 |
| Por tri (po persono) | 22 | 16 | IDR 225,000 |
| Por kvar (po persono) | 20 | 15 | IDR 200,000 |

La Indonezianoj mem decidas pri la prezoj de la kotizo kaj la loĝadkosto por ili.
Ni ankaŭ daŭrigu pensi pli pri gravuloj:
Mark Fettes, Stefan MacGill, Yasuo Hori, Boris Kolker, Jomo,
Dum la venonta kunveno ni findecidu pri la "gravuloj".

Ni decidis ke Joanne faros la flugfolion … kun regula konsultado kun la aliaj, speciale kun la indonezianoj

*** SUBTENO AL ORIENT TIMORANOJ PARTOPRENI LA UK-on**
Post diskuto ni decidis ke ne. Ni preferus subteni ilian partoprenadon en Bandung.

*** ESK**
Tre bona. Gratulon al Joanne.
Jes, ni tre ŝatus se ankaŭ Nicole provlegu la venontajn kopiojn.

*** KOMPANIO > ASOCIO**
Preskaŭ finita. Ni havos grandan feston, kiam ĝi finfine okazos.

*** UK en Lille**
La tuta estraro krom Indrani partoprenos. Ĉu ni faru ion tie?

La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 30-an de aprilo 2015, je la 19:00 (18:30)

Esther, Heather, Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

# Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | xxxx | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | xxxx | AE198 | AE199 | AE200 | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | AE206 | xxxx | xxxx | AE209 | xxxx | xxxx | AE212 |
| Brisbana Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE212 |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | xxxx | AE185 | AE186 | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE206 | AE207 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | AE202 | AE203 | AE204 | AE205 | AE206 | AE207 | AE208 | AE209 | AE210 | AE211 | AE212 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE211 | AE212 |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | xxxx | xxxx | xxxx | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | xxxx | AE188 | xxxx | AE190 | xxxx | AE192 | xxxx | AE194 | xxxx | xxxx | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | xxxx | xxxx | AE204 | xxxx | AE206 | xxxx | AE208 | xxxx | xxxx | ` | AE212 |
| Melburna Esperanto-Asocio | xxxx | xxxx | AE186 | xxxx | AE188 | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | AE194 | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE210 | xxxx | AE212 |
| Melburna "Meetup" Grupo | xxxx | AE185 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE202 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Klubo de Noumea (Nov Kaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | AE202 | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | AE207 | | | | | AE212 |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Tasmania Esperanta Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Toowoomba Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**Reklamu vian klubon - Sendu informon.**

# Ekkonigu viajn kunvenojn ĉirkaŭ la Mondo.

SENDU NOVAĴON ANKAŬ AL LA NOVAĴLETERO





